Año IX (N.º 101)

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 5

MAYO 1957

PELAYO, 7

VALENCIA (ESPAÑA)

## LAS TRADUCCIONES SIMULTÁNEAS Y EL ESPERANTO

**No ha muchos días, he oído en una emisión extranjera de radio una charla sobre alumnos de determinadas escuelas, cuya preparación única es conseguir intérpretes simultáneos. Tales señores han de traducir en el acto y ante un micrófono el discurso que oyen, en otro idioma, a través de los auriculares, y su voz ha de llegar a otros oyentes, que, viendo al orador hablar no entienden sus palabras, sino a través de los auriculares reseñados.**

**Se comentaba en dicha emisión de radio, que para conseguir ser un traductor simultáneo, hay que poseer unas cualidades personales muy superiores. En una palabra, ser un superdotado para tal materia. A ello se debe, que, de conseguir un empleo en esa especialidad, la remuneración económica sea extraordinaria. Me acordaba yo, también simultáneamente, de nuestro maravilloso Esperanto, de su sencillez y de su demostrada eficacia, en todo tipo de relaciones internacionales. Conste que esto último, no es un «slogan» publicitario, sino algo que muchos de nosotros, esperantistas prácticos, hemos podido comprobar en el extranjero, pudiendo convencer, con hechos, al enemigo más recalcitrante de la idea de un segundo idioma capaz, neutral y fácil para todos.**

**El actual sistema de micrófonos, es horrorosamente caro y —por fuerza— ha de tener ya una considerable cantidad de intereses creados, que hará repeler cualquier procedimiento, que ponga en peligro tales prebendas. Es humano el que cada uno procure mantener sus privilegios, pero la ley del progreso es inexorable y por la misma razón de que el automóvil sustituyó al coche de caballos, un día el Esperanto será utilizado normalmente por todos, haciendo un bien a la humanidad, del que está muy necesitada.**

**MANUEL RODRIGUEZ**

Fragmento de un artículo en el Boletín de «Madrida Esperanto-Klubo»

### UNA NOTICIA...

*Nueva Delhi, 1.—India ha iniciado hoy el cambio del sistema de pesos y medida y moneda, abandonando el antiguo impuesto por Gran Bretaña, para hacer uso del sistema métrico decimal.*

El cambio total no quedará completado hasta dentro de dos años, cuando todos los billetes de banco y monedas fraccionarias sean retirados por completo de la circulación. El jefe del Gobierno, Yauaharial Nehru, ha declarado que «el cambio tenía que producirse, a medida que nuestro país progresa».—Efe.

### Y UN COMENTARIO QUE... NO ES NUESTRO

Nueva York, 1.—«Los Estados Unidos debieran seguir el ejemplo de la India y adoptar el sistema métrico decimal», dice el «New York Times», en un editorial relativo a la reforma iniciada hoy en la India.

Señala el periódico, que con el cambio la India podrá dar un paso hacia el mundo moderno. «Le será más fácil entenderse ahora, con el idioma internacional, que supone el sistema métrico decimal. Esperamos que la decisión india inspire a otros países, entre ellos Norteamérica, para que abandone sus sistemas anticuados y ridículos, como el termómetro Fahrenheit, las millas, toneladas, etc., que se prestan a crear confusiones y, en fin, todo el sistema de pesos y medidas, tan atrozmente complicado e ineficaz. Si la India puede hacerlo, nos debería avergonzar no poder sumarnos al correspondiente progreso», termina diciendo el «New York Times».—Efe.

Información aparecida recientemente en la Prensa española.

**AUNQUE BIEN PUDIERA SERLO, POR SUS LÓGICAS Y ACERTADAS OBSERVACIONES**

# HISPANA KRONIKO

**BARCELONO.** La Esperanta Grupo NIGRAMONTO, de la Ekskursa Centro Montnegre, renovigis sian estraron, kiu konsistas el jenaj komitatanoj:

**Prezidanto: S-ro Fancisco Denti**
**Vicprezidanto: S-ro Juan Pedret**
**Sekretario: S-ro Bernardo Gracia**
**Vicsekretario: S-ro José Bienvenido**
**Kasistino: S-ino Gloria Fernández**
**Voĉdonanto: F-ino Encarnación Vilches**

**VICH.** En la pastra seminario de ĉi tiu grava kataluna urbo, vigla rondeto da 22 seminarianoj lernas nian lingvon, sub la gvido de nia aktiva S-ano Alfredo Santacana, kiu cetere sukcesis varbi por la kurso du profesorojn de la seminario. Samtempe fondiĝis klubo kun la nomo «Seminaria Esperanto-Fako», kies unua celo estas propagandi nian lingvon en ĉiuj hispanaj pastraj seminarioj.

**MADRIDO.** En ĝenerala kunveno de la Madrida klubo, oni elektis novan estraron —kiun varme ni salutas kaj gratulas— kies konsisto estas jena:

**Prezidanto: Angel Figuerola**
**Vicprezidanto: Visitación Martín**
**Sekretario: Manuel Martín**
**Bibliotekisto: Concepción Casado**
**Kasisto: Manuel M.ª López Giménez-Alfaro**
**Voĉdonanto 1.ª: Darío Rodríguez**
**» 2.ª: José Moreno Bermejo**

**Komisiono por ekzameno de la kontoj:**
**Venancio Monsalve — Florencio Enfedaque — Pardo Incháustegui**
**Delegito por Kluba Informado: Carlos Ceballos.**

La 16an de pasinta Marto, okazis en la societa sidejo la unua KLUBA TAGO. Ĉiuj ĉeestantoj partoprenis en vigla diskutado pri la neologismoj. La Prezidanto, S-ro Figuerola, malfermis la kunsidon kaj donis la parolrajton al la defendantoj de du malsamaj vidpunktoj. Iu defendis la teorion, ke neologismoj estas tute necesaj por senbalastigi la lingvon je la *teda* ripetado de vortoj kun la prefikso *mal*, lasante aparte la konsideron pri teknikaj aŭ sciencaj neologismoj. Kontraŭ tiel kuraĝa aserto leviĝis pluraj voĉoj; sed fine oni konsentis, ke malgranda kvanto da novaj vortoj estas dezirinda, se ili taŭgas por plibeligi la lingvon. Tamen, plene venkis la klasika Esperanto en solena voĉdonado, kiu kronis la altnivelan diskutadon. La tuta aranĝo daŭris longan tempon, kun streĉa atento de ĉiuj. Pro la malfrua horo, oni devis ĉesigi la interesan kunsidon, kiu montris la kapablon de niaj membroj por la superaj lingvistikaj temoj. **El la Bulteno de la Madrida Klubo.**

**SPERANTISTOJ DE MANRESA EN LA SOLENA PROCESIO DE LA SANKTA ENTOMBIGO**

Meze de la funebra nokta etoso de la ınkta Vendredo, tra la stratoj de Manresa, procesio de la Sankta Entombigo pasis lene kaj malrapide, emociante milojn da ırsonoj, fervore starantaj por admiri ĝian ırakterizan riĉkoloran defiladon. Ekde mulj jarcentoj, tiu ĉi manifestado de la Pasiono brigas la tutan urbon, kaj en ĝi partoprenas plimulto de la metiistaj gildoj kaj religiaj ocioj, kiuj adoptas propran kaj specialan ntoveston, kies koloro aŭ koloroj estas iliaj spektivaj atributoj, kune kun la koncernaj ıblemoj por iel diferencigi sin. Tiuj pentostoj konsistas el ĝispieda tuniko zonita, ngpinta konusa kapuĉo, kiu kaŝas tute la zaĝon, kovrante parte la dorson, kaj ankaŭ bruston, en kies supra parto estas brodita la emblemoj aŭ blazonoj. Tiel vestitaj, en longaj vicoj la pentuloj procesie meditas pri la doloroj de Jesuo en la Pasiono.

Ĝis la jaro 1955a nur religiaj kaj profesiaj gildoj estis reprezentataj en tiu historia procesio: panistoj, masonistoj, teksistoj, kuracistoj, ŝuistoj, ktp. Sed de tiam, en la brustoparto de nova pentularo kaj nova gildo estas videbla la kvinpinta verda stelo, ĉar la geesperantistoj de la kataluna urbo Manresa ĉeestas tiun procesion, kun religia fervoro en la koro, pruvante samtempe, ke la Esperanta idealo plene konkordas kun la plej severaj spiritaj agadoj. Denove, per la ĉi-jara eliro, la esperantistoj vekis grandan intereson kaj simpation.

**GABRIEL MORA**
**Manresa**

ia S-ano Salvador Martínez sukcesis enkonduki Esperanto-programon en «Radio Valldigna» e Benifairó de Valldigna (Valencia). La elsendoj okazas regule ĉiulunde je la 7'30 posttagmeze

# MALNOVAJ BASKAJ FESTOJ DUM PRINTEMPO

La periodo de la printempaj festoj havas du gravajn datojn: la 1.ª de Majo kaj la tago de Sankta Johano (24-ª de Junio).

La festoj de printempo akazas en multaj landoj de Eŭropo kaj, kompreneble, de la iberia duoninsulo. La baskoj ankaŭ festis tiujn datojn, sed ili solenigis pli la 1.an de Majo ol la tagon de Sankta Johano.

En la valo de Baztan, la festo de Majo karakterizas sin precipe pro la elektado de iu knabino, kiel maja reĝino: *Mayatzeko ereginña* (kvazaŭ la *Maya* de la kastilja folkloro). Tiu elektado okazis dum la dimanĉoj de la dirita monato. Oni portis la elektitan reĝinon, blanke vestitan, de domo al domo; ŝi dancis antaŭ la pordoj, dum la akompanantoj faris per kantoj oportunajn petojn. Al la donacintaj personoj oni deklamis krome laŭdajn kaj dankajn versaĵojn. En la baskaj provincoj, oni multe kredas je la kvalitoj de la maja akvo; kaj, ĉe la baska-franca regiono, ankaŭ je tiuj de la lakto kaj lardo.

Sed, plej granda omaĝo al la naturo estas la festo en la tago de Sankta Johano; kvankam oni solenas pli la antaŭtagon kaj la tagiĝon ol la tagon mem. Ĝi estas postrestaĵo el malnova kulto al la suno, akvo kaj vegetaĵoj. La folkloristoj opinias, ke la fajraĵoj de tiu ĉi tago estas simbolo de la brileganta astro. La loĝantoj de multaj baskaj vilaĝoj ankoraŭ nun bruligas ŝtiparojn kaj dancadas ĉirkaŭe, sed plej grava merito estas transsalti ilin. En ĉiu ŝtiparo brulas laŭraj folioj kaj aliaj specialaj kreskaĵoj, kiel komplemento de la lignajo, portita de la vilaĝaj geknaboj. Kiam oni saltas, oni devas diri taŭgajn poeziajn formulojn, per kiuj laŭdire estas atingeblaj diversaj bonaĵoj: antaŭgardo kaj kuracado de kelkaj malsanoj (skabio, favo, k. t. p.), protekto kontraŭ sorĉistinoj kaj ŝtelistoj, kaj eĉ garantio de baldaŭa edziĝo, se oni transsaltas sukcese, laŭ tre difinita maniero, akorde kun la tradicio.

Nuntempe, ankoraŭ ekzistas la kutimo planti arbon en tiu junia tago. Ankaŭ oni ofte vidas domojn ornamitajn per branĉoj de kratago kaj aliaj vegetaĵoj. Laŭdire, la poplo, frakseno kaj kratago efike protektas kontraŭ ŝtormoj. Cetere, tiuj branĉoj povas havi aman signifon; kelkfoje, ili estas anstataŭitaj de malgrandaj krucoj, faritaj speciale el la samaj jam diritaj lignoj.

Estas tre disvastigita la kutimo kolekti herbojn kaj florojn, kiujn oni konsideras kiel kuracilojn aŭ antaŭgardilojn kontraŭ la ensorĉoj. La plej ŝatataj el tiaj herboj estas: filiko, verbeno, ruto kaj apio.

## IOM PRI LA BASKA LINGVO (*)

La baska lingvo estas tre malnova; vere ĝi estas praa lingvo. Fakuloj tion pruvis per pluraj vortoj el ĉi tiu lingvo, kiujn oni formas per aldono de la vorteto *aitz* (malmola ŝtono aŭ siliko). Laŭ tio, kelkaj lingvistoj deduktas, ke EUZKERA --propra nomo de la baska lingvo-- estis parolita jam dum la neolita epoko.

Jen kelkaj ekzemploj:

*aitz-urr* = ŝtono por disŝiri: pioĉo.
*aitz-kor* = ŝtono alta, levita: hakilo.
*aitz-kolta* = levita ŝtoneto: hakileto.
*aitz-to* = malgranda ŝtono: tranĉilo.
*aitz-turr* = ŝtoneto por tranĉi.
*aitz-hortz* = dentforma ŝtono.
*aitz-kon* = pinta ŝtono: sago.
*aitz-katu* = ataki per ŝtono.

La valo, ekde la komenco de la mezepoko, estis konsiderata kiel unuo, ne nur topografia, sed ankaŭ etnika kaj socia. Du baskaj vortoj ekzistas por la termino VALO: *Aran*, en la orientaj dialektoj, kaj *Ibarr-a*, en la okcidentaj; kvankam ĉi tiu lasta ankaŭ havas la sencon de fruktodona valo, trafluita de rivero, ŝajne pro sia lingva deveno: *Ibai* (rivero).

Tial, oni ne devas miri se je multaj kilometroj de regionoj, kie oni nun ankoraŭ parolas la baskan lingvon, meze de la Pirineaj montoj, tre karakteriza kaj izolita valo estas pleonasme nomita «Valo de Aran», t. e. Valo de Valo. Sendube, dum multe da tempo, por la ĉirkaŭaj loĝantoj, ĝi estis plej konklude: la Valo. Poste, kvankam la malnova lingvo malaperis, la vorto restis kiel voknomo aŭ propra nomo. Same okazis en aliaj el Navarra (norda hispana provinco kaj regiono) nomitaj tiele: Valo de *Aibar*, de *Esteribar*, de *Olaibar* aŭ de *Ibargoiti*.

XAVIER SANTAMARIA

---

(*) Ĉe nia Libro-Servo estas akirebla, el la konata serio, la koncerna ŝlosilo en baska lingvo «Esperanto Giltza». Prezo: 3 pesetoj aŭ 1 respondkupono.

## POR FARI PANON, ONI DEVAS

**Esperantisto ne nur estas idealisto, sed ankaŭ profes metioj. La simpla priskribado de kelkaj apartaj aspek esti vere interesa. Tial, tre plezure, ni aperigas hodia Criach —kamparano kaj terkulturisto— kiu per klara uzas ankoraŭ por draŝi la grenon, kiu transf**

Havante apetiton, oni ŝatas manĝi panon; sed malofte, antaŭ ol ekmordi kaj gustumi ĝin, oni pensas pri la evoluo de simpla tritika semo, ĝis ĝi transformiĝos en rondaj aŭ bastonformaj brunetaj pecoj da pano, pretaj sur tablo por ĉiutaga manĝo aŭ por luksa festeno. Nu, kiel terkulturisto, mi emas nun iom rakonti pri tio:

Kiam la grundo estas bone plugita kaj sterkita, oni enterigas la tritiksemojn je distanco de dek aŭ dek-du centimetroj unu de la alia. Post tio, oni devas atendi ok-naŭ monatojn, depende de la klimato en diversaj regionoj, por normala rikolto. Dum tiu tempo, ĉiam sub la influo de la vetero, la grajno ĝermas, enradikiĝas, kreskas kaj fine pompas per altaj pajlaj tigoj kun belaj spikoj. Kiam la spikoj plenmature fariĝas orkoloraj, oni devas kiel eble plej rapide falĉi la kreskaĵon kaj kolekti ĝin en garbojn, kiujn oni kuŝigas sur la kampo mem por ke fortaj sunradioj kaj varma libera aero sekigu ilin. Post tri aŭ kvar semajnoj, tiuj garboj jam estas pretaj por dua prilaboro: la draŝado.

Mi ne priskribos tiun draŝadon, kiun oni faras per maŝino, ĉar tio estas pure meĥanika afero; sed, jen alia rimedo tute primitiva, ankoraŭ en uzo, helpe de brutaro kaj de tre simplaj instrumentoj: Ŝtona rulilo, kun pezo de du- tricent kilogramoj, trenata de ĉevalo kaj taŭga por disigi la spikojn kaj moligi la pajlon. Alia draŝilo, la segdraŝilo, ankaŭ trenata de besto, utilas por dispecigi la pajlon, kiam ĝi estas sufiĉe moligita de la ŝtonrulilo. Fine intervenas grenopurigilo kaj dudentaj lignaj forkegoj, kiujn oni uzas por turni la draŝaĵon kaj preni, sen la greno, la pajlon de la draŝejo.

Frumatene, ĉe somera tagiĝo, trupoj da draŝantoj scivole rigardas al la ĉielo, kvazaŭ en demando, ĉu la tago estos bona... Kun tia espero, ili komencas la pezan taskon, kiu daŭros ĝis noktiĝo. Sekvante ilin, ni *faru* draŝadeton el tiu ordinara por du viroj, unu ĉevalo kaj la antaŭe aludita ilaro. Nome: cent garboj, kiuj liveros proksimume tricent kilogramojn da tritiko. Jen do la procedo: Oni transportas unue la garbojn de la kampo al la draŝejo; oni tuj malligas kaj sternas ilin laŭ maniero, ke plej multe da spikoj estu supre. Fininte ĉi tiun preparlaboron, la draŝantoj paŭzas por matenmanĝi kaj iomete ripozi en oportuna angulo.

Je la oka matene, oni jungas la ĉevalon ĉe la ŝtonrulilo kaj komenciĝas la rulado, kiu daŭras kvar aŭ kvin horojn, depende de la forto de la varmo. Ju pli varma kaj seka vetero des pli bone por taŭga draŝado. Ekde

## ALVOKO AL LA BARCELONA ESPERANTISTARO

Sub la nomo INSTITUTO DE ESPERANTO, oni preparas en Barcelono la fondiĝon de nova organizo kun la celo algrupigi, en ampleksa nombro, kiel eble plej multe da kapablaj kaj spertaj gesamideanoj, por povi trafe kaj konstante disvastigi Esperanton ĉiuflanken. La nunaj Esperanto-grupoj, kompreneble, daŭros en sia utila kaj fruktodona agado. Iliaj delegitoj konsistigos la estraron aŭ kernon de la nova entrepreno. Kreiĝos komisionoj por la formado de instruistoj; funkcios sekcioj por studi kaj elekti plej oportunajn metodojn por instruado, ĝenerala informado, faka informado, statistiko, gazetaro, radio, teatro, ekspozicioj, prelegoj k. t. p. Por tiaj praktikaj taskoj ekzistas en Barcelono sufiĉe da fervoraj kaj kompetentaj esperantistoj. Ili povas doni prestiĝon, per sia laboro, al la koncernaj komisionoj, kies taskoj fidindigos nian aferon antaŭ plej diversaj medioj: intelektulaj, profesiaj kaj amatoraj, donante fortan antaŭenpuŝon al nia Esperanto kaj gloron al nia kara urbo Barcelono, kiu meritas rangi kiel esperantista metropolo.

Por Esperanto! Por vi mem! For ĉiaj hezitoj! Ni vokas vin al tuja kaj fervora kunlaboro. Vi vin anoncu do rapide! Sendu vian nomon kaj adreson, la numeron de via telefono aŭ tiun per kiu ni povos vin voki. Diru viajn profesiajn kaj amatorajn sciojn. Diru ankaŭ, ĉu vi posedas skribmaŝinon. Diskonigu nian inviton por ke povu esti konvene registrita la tuta Barcelona esperantistaro. Sendu ĉion al S-ro Jaime Aragay Pujols **Calle de Sans, 292, bajos - Barcelona**

**LA BARCELONAJ ESPERANTO-GRUPOJ**



# AS UNUE PRILABORI GRENON...

**ofesiulo gajnanta sian materian panon en plej diversaj pektoj de la profesia laboro de niaj samideanoj povas odiaŭ bonegan kontribuaĵon de nia kara amiko Antonio ara kaj bela maniero rakontas la procedojn, kiujn li mem ansformiĝos en pano. — Noto de la Redakcio.**

ĉi tiu momento, ĉio vigle moviĝas en la drašejo; ĉiuj energie kaj diligente laboras! La pacienca kvarpiedulo tiras kaj tiras ĉirkaŭe la ŝtonrulilon, kiu grincas petegante iom da oleo, la ĉevalgvidanto laŭte kantas drašejkantojn, por instigi la bruton al la laboro, dum la alia kamarado, armita per la dudenta forkego, streĉe ekzercas siajn muskolojn turnante kaj disigante la longajn trunketojn. Ŝvito fluas el la korpo de la laborantoj, sed ili estas gajaj, ĉar suno brilas dum blovetas varma aero; kio garantias plenan sukceson.

Duonhoro antaŭ tagmezo, oni dejungas la ĉevalon de la ŝtonrulilo, ĉar la pajlo estas sufiĉe mola kaj la grajnoj jam kuŝas sube. Tamen, kvankam mola, la pajlo ankoraŭ estas tro longa; sekve, oni denove jungas la bruton al segdrašilo por fine distranĉi la pajlon. La besto nun marŝas trote, ĉar la tirata instrumento estas tre malpeza. La pajlo blindigas pro sia blankeco, la sunradioj brulfrapas la haŭton, ŝvito ŝprucas el la poroj, polvo leviĝas kaj ŝvebas, la atmosfero estas peza, la aero estas preme sufoka!... La trotado de l' ĉevalo daŭras almenaŭ unu horon; ŝaŭmo kovras ĝian tutan korpon,sed ĝia hodiaŭa laboro finiĝis.

Je la unua posttagmeze, la du homoj kaj la servema besto revenas hejmen por tagmanĝi kaj ripozigi la lacajn membrojn.

Tri horojn poste, je la kvara, la drašantoj rekomencas la laboron. Pere de forkoj, ili devas forpreni kiel eble plej bone la pajlon, puŝante ĝin en angulon; ĉi tiu laboro estas tre vigla, sed ne tiel peza, kiel tiu de la mateno. Cetere, ankaŭ agrabla ĉar forprenante la supran pajlotavolon, oni ekvidas jam la dikecon de la tritiko-kvanto, ankoraŭ miksata kun polvo kaj diversaj restintaĵoj. Forprenado de la pajlo daŭras unu horon; pere de ŝovelilo kaj balailoj, oni puŝas la malpuran grenon kaj amasigas ĝin al tiu flanko, kie la aero plej bone povos helpi la funkciadon de la purigmaŝino, kiam ĝi forpelos ĉiun malpuraĵon de la greno. Ĉi tiu maŝino estas tre simpla aparato, konsistanta el du kribriloj, unu sub la alia, tra kiuj blovas forta vento produktata per ventolilo; oblikve, sub ili kaj la ventolilo, kuŝas alia kribrilo, sur kiun glitas la greno eliranta el la maŝino. La kribrilo rapide ŝanceliĝas, kaj unu viro tute facile, per manturnilo, povas funkciigi tiajn maŝinojn.

Kara leganto, vi vidis kaj preskaŭ mem partoprenis la pretigadon de tiu valora grajneto de tritiko, kiun oni portos poste al muelejo, kie ĝi fariĝos faruno por ke bakisto, ĝin knedinte, liveru al ni ŝatatan panon, bongustajn bulkojn kaj delikatajn kukojn.

**ANTONIO CRIACH - Sabadell**

---

## 18ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN MADRIDO - 23-28 JULIO 1957

**Oficialaj adresoj: Costa Rica, 20 - bajo A aŭ Apartado 19.029 - MADRID**

La nombro da aliĝintoj alproksimiĝas al la dua cento. Ĉiu hispana esperantisto devas konscii pri la granda valoro de sia persona partopreno, por impona kaj efika manifesto de nia ekzisto, antaŭ la oficialaj superaj instancoj. Ni povas anonci jam du interesajn prelegojn, en la kadro de la Kongreso: S-ro J. M. Mabesoone, nederlanda geologo, pri nederlanda temo; kaj S-ro Delfi Dalmau, akademiano, disertos nacilingve pri nia lingvo kaj Movado. Komence de Junio estos akireblaj la kongresaj poŝtkartoj, belega NAÚ-kolora artaĵo de nia redaktoro Luis Hernandez, kiu superis nunjare ĉiujn siajn antaŭajn kreaĵojn. La prezo de ĉiu poŝtkarto estas 1'50 pesetoj, kio kovras nur la materiajn elspezojn. Rapidu mendi jam adekvatan kvanton de tiu ĉarma reklamilo, kiun nepre oni devas sendi al ĉiuj siaj eksterlandaj amikoj.

**Okazos jenaj ekskursoj:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Oficiala ekskurso:** | **El Escorial** | **60** | **pes.** |
| **Postkongresaj Ekskursoj** | **Toledo** | **85** | **»** |
| | **Segovia** | **100** | **»** |
| | **Aranjuez** | **60** | **»** |
| | **Avila** | **115** | **»** |

**Estas konvene informi antaŭtempe pri la deziro partopreni la oficialan kaj eventuale la postkongresajn ekskursojn por rezervigi oportune sidlokojn en la aŭtobusoj.**

**Malgrandajn sumojn --ĝis 25 pesetoj-- sendu rekte per poŝtmandato al nia adreso: Apartado 19029, kun klara indiko pri la celo de la sendita mono.**

Ĉiun alian monon oni sendu per ĝiro aŭ poŝtmandato al «Congreso Nacional de Esperanto»:

**General Mola, 277 — Banco de Aragón — MADRID**

*Kiu amas virinon unuan fojon*
*—eĉ sensukcese— tiu estas kvazaŭ dio.*
*Sed tiu, kiu enamiĝas duan fojon*
*—eĉ plej sukcese— estas vera frenezulo.*

HEINE

## MALNOVA RAPORTO DE NATURISTO

Naturisto Petro Martir, en sia verko *De orbo novo,* kun informoj pri la unuaj esploroj faritaj en Ameriko, skribis: «En la proksimeco de rivero Maraguon, oni vidis nekonatan beston, kiu estas vera monstro, ĉar ĝi havas korpon kaj voston de vulpo, postaĵon kaj krurojn de simio, orelojn de vesperto kaj manojn preskaŭ homajn. Sub sia ventro, ĝi havas alian ventron, kiel poŝon, en kiu ĝi gardas siajn idojn, kiuj restas tie ĝis ili povas trovi mem la nutraĵojn».

Tiel vere stranga besto, en tiu epoko, simple estas nun la konata didelfo.

## KIEL TRADUKI

La soneco, muzikeco de la frazo estas same grava. La tradukanto devas ordigi la vortojn, ne nepre laŭ ilia ordo en la originala teksto. Li devas atenti, ĉu la frazo en la traduko estas glate legebla, ĉu ĝi sonas bele, ĉu ne amasiĝas akraj sonoj kaj malfacile paroleblaj kombinoj; per rearanĝo de la vortoj, li devas peni eviti tiajn neperfektaĵojn. Ankaŭ en tiu rilato, lia persona gusto kaj sento pri bona lingvo kaj muzikeco devas lin gvidi.

**D-ro A. D. ATANASOV - Sofio**

El «Nuntempa Bulgario» n.° 1 - Januaro 1957.

## SFINKSA ANGULETO

### LA PARENCOJ

**En sama hejmo vivas diversaj personoj: unu patro, unu patrino, unu onklo, unu onklino, unu frato, unu fratino, du nevoj kaj du kuzoj.**

*Kiom da personoj estas entute?*

Ĝusta solvo gajnos unu poenton ĝis 15. Junio.

### SOLVO PRI LA VETO INTER RAJDISTOJ EN LA PASINTA NUMERO

***La derviŝo flustris al ĉiu el ili aparte: «Suriru sur la kamelon de via kontraŭulo kaj igu ĝin alveni la unua; tiam via kamelo estos la dua kaj, sekve, vi gajnos la veton».***

### SPRITO ESTAS HOMA KVALITO...

—Kiel agrable estos al mi mildigi viajn zorgojn kaj ĉagrenojn.
—Sed, karulino, mi havas nek zorgojn nek ĉagrenojn.
—Ho, ne plendu pro tio. Da ili vi havos abunde post nia geedziĝo...

—Nu, vi troviĝas ĉi tie, kiel frenezulo, ĉar vi kredas, ke vi estas Napoleono.
—Tute ne! Mi troviĝas ĉi tie, ĉar mi estas Napoleono, kaj oni kredas pro tio ke mi estas frenezulo.

—Kial vi ĉiam laŭde parolas pri Antono, kiu tamen ofte misfamigas vin?
—Ho, justa kompenso. Tial, ke li mensogas pri mi, ankaŭ mi rajtas mensogi pri li...

*La aĝo neniel liberigas la homon de l' jugo de la vantemo.*

W. SOMERSET MAUGHAM

## INTERLINGVA PARALELO

### ORIGINALO

Ekstere komenciĝis la vintro. Provizore nur per malsekeco kaj frosto. Sed la neĝo, por tiel diri, «pendis en la aero». Estas tiel bele ekstere, kiam falas la neĝo. La vojoj, la kampoj, la herbejoj, la arbaro, la tegmentoj en la vilaĝo... ĉio kovrita de senfina, blanka neĝtavolo kvazaŭ de purega, ĵus lavita kaj blankigita tolo. Kiu posedus tiom da tolo! Certe nur princino povas vanti pri tio.

El la romano «Landoj de l' Fantazio» de S-ro Teo Jung

### TRADUKO

**Fuera había comenzado el invierno. Provisionalmente solo con humedad y frío. Pero la nieve, por así decirlo, «pendía del aire». Es tan bonito desde fuera, cuando cae la nieve... Los caminos, los campos, los prados, el bosque, las techumbres en el pueblo... todo cubierto por una infinita y blanca capa de nieve, como por un limpísimo, recién lavado y blanqueado lienzo. ¡Quién poseyera tanto lienzo!.... Seguramente, solo una princesa puede presumir de eso.**

De la novela «Países de la Fantasía» del Sr. Teo Jung




**LA NIGRA SPARTAKO,** originale verkita de Geraldo Mattos. - 75-paĝa libro, 12'5 x 16 cms. Prezo: kvar steloj, egalvalore al 12 pesetoj. Akirebla ĉe Libro-Servo de Hispana Federacio.

La Curitibaj samideanoj kuraĝe alpaŝas per sia ĵus fondita Esperantista libro-Instituto, kun la celo eldoni kvar librojn dumjare, faciligante al ĝiaj membroj la publikigon de iliaj originalaj verkoj, kio montras ke, spirite kaj materie, la Curitibaj esperantistoj sin trovas, krom en prospera ŝtato, ankaŭ en prospera stato.

La unua numero, de ĉi tiu beletra serio da libroj, estas «La Nigra Spartako», de unu el niaj plej elstaraj verkistoj de la nova kontingento sur la Nova Kontinento. La libro traktas pri eposo de la Brazila historio, ĉe la kliniĝo de la deksepa jarcento, en plena apogeo de la sklavo-komerco inter Afriko kaj Brazilo.

Jen konciza resumo de la drameca temo:

En la densaj arbaroj afrikaj, la naivaj primitivuloj akceptas ĝentile la sklavo-komercistojn, kiuj, reage aŭ repage, forrabas iliajn plej fortajn virojn por sklavoj, kaj iliajn plej belajn virinojn por konkubinoj.

Sur la sklavoŝipoj, la mizeraj kaptitoj, katenitaj, vipitaj, estas ĵetataj en malsekajn holdojn, kvazaŭ faskoj da branĉoj; kaj multfoje ilia sola venĝo estas morti pro patrolanda sopiro, kiu igas multajn eksalti en la maron, aŭ perei kun la tuta veturantaro, dronigante la ŝipon.

La postvivantoj ne imagas la tutan nigran kadron de sia posta kalvario, ĉar tiuokaze, ili ĉiuj serĉus en la morto sian liberiĝon. Sub la tropikoj de Brazilo, la nigruloj ne nur estas vendataj en la sklavo-vendejoj, sed disigataj ankaŭ de siaj samfamilianoj, kaj vana estas ilia petego, ne malkunigi tiujn, kiujn la amo kunligis...

Sur ĉi tiu fono de kaptiteco kaj sklaveco elvolviĝas la aventuro de du eksliberaj gefiloj de la kruda Naturo, Mariana kaj Kam Golo, la potenca reĝo de negra popoleto, kiu ne bedaŭras iri propravole en la jugon de nigranimaj blankuloj, se nur li fariĝas la mastro de la koro de la bela mulatino, ĉar en la sklaveco la amo faras lin libera. Nur kiam lia posedanto decidas vendi lian infanon, Kam Golo ribelas; kaj, rifuĝante en montaron, li fondas vilaĝon, rifuĝejon de forkurintaj negroj por kiuj Kam Golo fariĝas simbolo de la kolora raso, pro kies emancipado, la Nigra Spartako mortas batalante, kune kun siaj funde amataj edzino kaj filo.

Ni deziras al niaj Curitibaj amikoj grandan sukceson en la realigado de ilia laŭdinda entrepreno. La unua ekpaŝo kun bona aŭtoro, bona legaĵo, bona papero, kaj bonaj preso kaj prezo, aŭguras feliĉan rezultaton. Tamen, ni permesas al ni sugesti la iniciatemajn fondintojn de Esperantista Libro-Instituto, ke se ili ne povus publikigi ĉiujn kvar librojn ĉiujare, ke ili publikigu laŭeble, ĉar pli bone fleksiĝi ol rompiĝi.

**RICARDO QUILES**

---

NOVAJ PROSPEKTOJ KAJ BROŜUROJ

IKEM. 10-paĝa prospekto pri la celoj kaj atingoj de la Interŝtata Komitato por la Eŭropa Migrado, eldonita de «Comité Intergouvernemental pour les Migrations Européennes» Ĝenevo (Svislando).

I. L. O. 7-paĝa broŝureto pri la celo kaj laboroj de la Internacia Labor-Organizaĵo, eldonita de «Bureau International du Travail» Ĝenevo (Svislando).

LA VALO DE TEGERNSEE. Bela germanlingva turisma prospekto, kun esperantlingva aldono, senpage havebla ĉe F-ino Anna M. Orterer, (13b) Kreuth bei Tegernsee, Rathaus (Germanio).

BILLIGE DANSKE RUNDTURE. 20-paĝa danlingva broŝuro pri rondvojaĝo tra Danlando, kun belaj fotoj kaj aldonita Esperantlingva folio, eldonita de la danaj ŝtatfervojoj. Skribu dankleteron al D.S.B. Reklameafdelingen, Solvgade 40 Kobenhavn K. Danlando.

KREUTH. Germanlingva prospekto, kun aldonita esperantlingva folio. Havebla ĉe: Gemeindliches Verkehrsamt, Kreuth bei Tegernsee (Bayern) Germanio.

**LA APEROJ DE LA SANKTA VIRGULINO** Interesa kaj bele ilustrita 24-paĝa broŝuro pri la aperoj de la Sankta Virgulino en la pasinta jarcento, eldonita de la Fratoj de la Karitato, kiuj multe uzas Esperanton por disvastigi la celojn de sia Kongregacio. Senpage havebla (se eble aldonu resp. k. por la sendo) ĉe: La Fratoj de la Karitato, Stropstraat 127, Gent (Belglando).

## ANONCETOJ

Bankoficisto 34-jara dez. korespondi kun tutmondaj geesperantistoj. Skribu al S-ro Ricardo de la Cruz-Layana Puerta Nueva, n.° 22, 3.° - Barcelona
Ĉi tiu anonco validas ĉiam.

S-ro José Ruiz Augustin — Plaza de España, 7 - DURCAL (Granada) - Hispanio Dez. interrilati kun tutmondaj gesamideanoj.

Esperantista Klubo en Olomouc aranĝos la 10an Oktobro 1957 tradician letervesperon. Junaj ĉeĥoslovakaj gesamideanoj atendas viajn salutojn. Ĉiu sendinto ricevos dankrespondon kun plej novaj glumarkoj kaj belaj poŝtmarkoj. Skribu jam al S-ano Bretislav Nevrly, Zeyerova, 13 OLOMOUC (Ĉeĥoslovakio)

Juna bulgaro deziras korespondi. Skribu al S-ro Nikola G. Kolarov str. Tirnovo, 21 - KAZANLIK (Bulgario)

ĴURNALISTOJ KAJ VERKISTOJ ESPERANTISTAJ

**ATENTU!** Ĉu vi scias pri la ekzisto de via Esperanto-Fakorganizo? Anoncu do vin al S-ro G. N. Jepsen, sekretario-redaktoro de la «Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio», Skovvangen, 17 SILKEBORG (Danlando). Jarkotizo: 1 dolaro (aŭ 12 internaciaj resp. kupon. aŭ 14 steloj) sendota al la kasisto, S-ro A. Ribot 11, rue Paul Vergues - MARMANDE **(Francujo)** Regule vi ricevos nian bultenon!

Itala tramvojisto deziras interŝanĝi poŝtmarkojn. Skribu al S-ro Ettore SALMI Via Francesco Albani, 22 BOLOGNA **(Italio)**

## TESORERIA

En el sorteo del 25 de Abril, por el número 53958, fué agraciado con las 250 pesetas el Director de nuestros cursos por correspondencia, D. Ramón Molera, por su núm. 58.

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a MAYO 1957)

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | **1.981** | **Ptas.** |
| S. Collado - Sama | 25 | » |
| D. Dalmau - Barcelona | 25 | » |
| M. Tejero - Zaragoza | 10 | » |
| T. Elizondo - Trucios | 25 | » |
| J. Oliveras - Barcelona | 9 | » |
| T. Ferré - Alcover | 5 | » |
| P. Naranjo - Jerez | 5 | » |
| J. Bremón - Barcelona | 50 | » |
| F. Barber - Ondara | 10 | » |
| F. Buisán - Palencia | 10 | » |
| P. Buisán - Palencia | 5 | » |
| M. Vallés - Sabadell | 10 | » |
| J. Perarnau - Tarrasa | 50 | » |
| A. Marco - Zaragoza | 10 | » |
| M. Pinilla - Zaragoza | 10 | » |
| F. Mezquida - Denia | 15 | » |
| R. Ayala - Barcelona | 5 | » |
| E. Wolff - Santa Cruz de Tenerife | 25 | » |
| L. Armadans - Barcelona | 20 | » |
| E. Yuste - Visiedo | 50 | » |
| J. Anguita - Jaén | 10 | » |
| Total | 2.365 | » |

*Esto se anima, veamos pues...*

## LIBROSERVO

Actualmente estamos en situación de servir la mayor parte de los libros de nuestra literatura. En consecuencia, confiamos recibir pronto vuestros gratos pedidos.

Recomendamos muy especialmente el Diccionario Español-Esperanto del doctor Tudela, de cuya rápida venta depende la edición del Diccionario Esperanto-Español.

Asimismo, anunciamos a todos, especialmente a los Grupos, la oportunidad de adquirir una colección completa de «Heroldo de Esperanto» desde 1925 a 1931 y otra de «La Praktiko» desde 1932 a 1940 inclusive. Precio de ambas colecciones en cinco carpetas: 1.100 pesetas, con envío a portes pagados.

Encargos: LIBROSERVO - Pelayo, 7, 1.° - VALENCIA

## RADIO ROMA

La plej populara radiostacio, por la tutmonda esperantistaro, elsendas siajn ege interesajn programojn en Esperanto:

**Marde — Merkrede — Vendrede**
**per ondoj 30,90 - 41,24 - 50,34 m.**
**(9,71 - 7,27 kaj 5,96 m c/s)**
**je 18.55 ĝis 19.10 h. MET.**

Aŭskultu la elsendojn kaj skribu al RADIO ROMA - Esperanto-Fako Casella Postale 320 - Roma (Italio)

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA